Jen ies apero ! Kaj la koro ne restas indiferenta° !
*ongeïnteresseerd*
Jen ne estas malfacile diveni° kio estas
*raden*
okazanta !
**Verso 37. Kaj esperoj**
Pri kio?
Facile divenebla°, ke... *te raden*
la korinklino povos trovi respondon, konduki al plia interkonatiĝo°. *wederzijdse kennismaking*
**Verso 38. Amleteroj.**
Kial leteroj?
Evidente° ĉiu reiris hejmen, sed *blijkbaar*
kun la firma° intenco resti en kontakto. *vaste*
**Versoj 39-40. Mielo, Ĉielo!**
Kio estas **mielo**?
PIV: sukera, odora nutraĵo, ellaborata de iuj insektoj, precipe de abeloj°, el la *bijen*
suko° de floroj, por nutri la larvojn. *sap*
Kion sugestas tiu vorto?
grandan feliĉon.
Kio estas la **miela tempo**?
la unua tempo post la geedziĝo°. *huwelijk*
Flati per **mielaj vortoj**. = ?
per ne **sincere° dolĉaj** vortoj. *oprecht*
**Versoj 41-42. Edzino; FINO !!**
La vorto **'edzino'** signifas ke ili...
geedziĝis.
N.B.: Viro iĝas edzo: li edziĝas. Virino iĝas edzino: ŝi... edziniĝas. Kaj por ambaŭ°: *beide*
Ili... geedziĝas.
Ĉu jen fino de la rakonto?
Ĉiu imagu por si mem !
Ĉu li estontece vivos en tiu lando aŭ ĉu la duo, la paro reiros al la lando de nia heroo?

----

**ZAMENHOF**
**Pri 'mielo'** (verso 39).
**Ne gutas mielo el... la ĉielo.**
Por ĝui ion, oni mem klopodu°, *proberen*
penu°. *moeite doen*
Oni ne atendu helpon de iu ajn.
**Urson al mielo oni ne tiras per orelo.**
Atentu: nun oni diras: *je la orelo*
Laŭlitere°: *Naar (de) honing toe trekt men een beer niet bij zijn oor.* *letterlijk*

Kial ne?
Ĉar mielo altiras° urson... *aantrekken*
per si mem. Oni ne bezonas treni la urson.
Jen proverbo° dirinda kiam? *spreekwoord*
Kiam io estas sufiĉe alloga° per si mem. *aanlokkelijk*
**Lango miela, sed koro kruela°.** *wreed*
Dirinda pri kiu?
hipokritulo, falsulo.
**Pri edziĝo.**
**Ĉiu 'li' havas sian.... 'ŝi'.**
Komparu nederlande: *Op elk potje past een deksel.*
**Tro rapida edziĝo – ...**
**porĉiama° kateniĝo°.** *voor altijd;geketendheid*
Ĉu malrapida edziĝo donus grandan liberecon?
**Ŝtelu malproksime,... edziĝu proksime.**
Ĉu vere?
Kiel klarigi tian ideon?

Noteto por perfektiĝemuloj: *"perfectionistisch geneigden"*
Lerni flue retraduki ĉiujn nederlandajn etliterajn° tradukaĵojn. *in kleine letters*

----

**TRADUKEKZERCOJ**
**Antaŭa**
1) Jen alvenas malforta kandeleto: la mallumo (tenebro) jam ne plu estas totala.
2) Malmodesteco estas stranga malsano, ĝi abomenigas ĉiujn, sed ne la malsanulon.
3) Malsato aŭ pasio faras el leporo leonon.
4) Eĉ libero ne estas beno kiam la ventro malplenas.
5) Malbona herbo ne timas la froston.
6) Malbonulon la diablo ne prenas.
7) La malbonon oni daŭre/senĉese rememoras, la bonon ne.
8) Kion la leĝo malpermesas, tio daŭre plaĉas.
9) Kion Parizo aplaŭdas, Berlino mallaŭdas.
10) Kion la saĝulo ne komprenas, (tion) la malsaĝulo ofte divenas.

----

**Nova**
1) De almanak en de krant brengen de leugens in het land.
2) Propaganda is de kunst om de ander te laten geloven wat je zelf niet gelooft. (Huizinga).
3) Het enthousiasme van de toehoorders uitte zich in luide bijvalsuitingen.
4) Zijn ontslag vragen om redenen van gezondheid.
5) **Lang is de weg door lessen, kort en doeltreffend door voorbeelden. (Seneca).**
6) **Hij liep met de lip op het derde knoopsgat (met een hangende pruilende lip).**
7) **Soms spreekt het gevoel sterker dan het verstand.**
8) **Iedereen wordt dichter, tot de meest prozaïsche toe, als de liefde hem bevangt (Plato).**
9) **Wat is liefde? De behoefte aan zichzelf te ontsnappen. (Baudelaire).**
10) **Men vangt meer vliegen met een lepel honing, dan met een vat azijn.**

----

**E. Van Damme - Albert I-straat 44 - B- 1703 Schepdaal**

**Post la publikigo mi ricevis inviton** de s-ro Kees van der Maas de "Club van Past Rotarians Midden-Zeeland" **prelegi pri la universala lingvo Esperanto** la 9-an de februaro 2016.
**Simon Smits**

2] Aperis 30-okt-2015 **pri la Esperantomonumento de Texel** artikolo *Esperantomonument krijgt 'stijlvol' sierhek* de Nico Volkerts en noord-hollands dagblad.
Sendis ĉi tiun informon **Vinus Lathouwers**

3] http://www.texelsecourant.nl/lees/22745/pvda-hekje-rond-esperantomonument-
Sendis ĉi tiun informon **Anneke Schouten-Buys**

4] in ONZE TAAL # **1751 - 4 november 2015** verscheen: *Taalbescherming in de praktijk: in Den Burg komt er waarschijnlijk een* ***hekje*** *rond het Esperantomonument.*
*(Bron: Texelse Courant)*

5] Kees Ruig aperigis artikolon ***Esperanto voor de harmonica*** en muzikrevuo KLANK, muziektijdschrift voor harmonica en accordion.




6] *Hierbij zend ik u een MOLENWIEKJE voor* de *rubriek 'Esperanto Publike' in FENIKSO.*
Ans Heijstra-Valkering.

7] **Aperis interparolo kun Simon Smit en PZC Zeeland**, 11 september 2015: *Iedereen is gelijk als je Esperanto spreekt.*

# RAPORTAĴOJ

1] De la 30-a de oktobro ĝis la 1-a de novembro okazis en Heerlen KKPS, la **Klaĉ-Kultura Postsomera Semajnfino**. Ĉeestis 79 entuziasmaj esperantistoj de ĉiuj niveloj. Okazis kursoj, prelegoj, kvizoj kaj noktaj festoj. Ĉiuj laŭdis la veteron kaj la belan domon, kaj certe venontjare denove okazos ie en Nederlando KKPS.

*Er waren 4 groepen actief: een leergroep voor volledige beginners door Katalin Kovats, een groep voor de iets gevorderden door Bert de Wit en een groep voor de gevorderden onder leiding van Rob Moerbeek. Verder was er een internationale groep van TEJO die een intensief opleidingsprogramma had. 's Middags waren er presentaties/workshops en Halloween werd gevierd.*
**Andries Hovinga**

2] **Stato de la Pasporta Servo**
Jam dum 50 jaroj, Pasporta Servo estas reto de homoj kiuj ofertas senpagajn tranoktojn al Esperanto-parolantoj. Povas esti ke vi longe ne aŭdis pri ĝi, ĉar okazis iuj malkonvenaĵoj. TEJO (kiu ege malmulte komunikas pri PS) volis ke PS havu modernan retejon, sed nur parte sukcesis krei ĝin. La retejo www.pasportaservo.org nuntempe parte funkcias: oni povas vidi la donitaĵojn de gastiguntoj, kaj homoj povas ŝanĝi siajn proprajn donitaĵojn, sed ne eblas rigardi mapojn. La libreto (ege utila por montri al interesitoj ĝuste kiom disvastigita nia kara lingvo estas) jam ne aperis post 2011.

Tamen, tio ne signifas ke la servo ne funkcias. Homoj plu kontaktas unu la alian per la donitaĵoj en la malnova libreto aŭ per tiuj en la retejo, interŝanĝas aktualaĵojn per la jahugrupo, aŭ eĉ afiŝas fotojn en la Facebook-paĝo

Se vi volas aliĝi al la jahugrupo, sendu malplenan mesaĝon al pasportaservo-subscribe@yahoogroups.com, ricevu konfirmpeton kaj klaku ligon. La grupo estas ege trankvila: nur kelkaj mesaĝoj semajne, aŭ eĉ monate. Se vi havas yahoo-konton (ne necesas uzi ĝin por retpoŝto), ankaŭ eblas aliĝi je http://groups.yahoo.com/group/pasportaservo
**Ronaldo Nobel'**

3] **Vizito al Kubo**: Alberto, Geomar, Javier, Oscar, Leonides, Yoan, Onoermis, José, Nelson, Alberto, Ismary, Omar, Manolito, Maritza , Albania – **jen la nomoj de kelkaj novaj geamikoj el Kubo!**
**Dum la Germana Esperanto Kongreso mi konatiĝis kun Geomar el Kubo**. Li entuziasme rakontis pri sia lando kaj pri la nacia kongreso en 2015. **Tuj mi interesiĝis, kial ne denove fari ekster-eŭropan vojaĝon? Kaj jes: la 12an de novembro mi flugis al Havano!** Mi restis ĝis la 2a de decembro. Dum tri semajnoj mi trapasis bonan tempon. Geomar atendis min en la flughaveno, samtempe Martin el Germanio alvenis. Geomar kaj Javier prizorgis nian veturadon al la oficejo de Kuba Esperanto Asocio. Mi miris pri la loko: samtempe estis la ejo de instituto kie oni povas lerni la hispanan lingvon! Multaj gejunuloj iras tien por lerni la hispanan lingvon!

Martin kaj mi tranoktis en iu ‘paladar’, loĝejo privata. Bona loko! Proksime de la lernejo kie mi povis matenmanĝi kaj tagmanĝi. Ankaŭ dum la aliaj noktoj mi tranoktis en tiaj lokoj! Diversaj cirkonstancoj. Unufoje mi havis ĝardenon kun rozo! Kelkaj usonanoj venis por trinki ion en mia ĝardeno. Estis pluraj alilandanoj, el Islando, Usono, Belgio, Rusio kaj Brazilo. Al la kongreso ankaŭ partoprenis 100 kubanoj el la diversaj partoj de la lando.

Antaŭ la kongreso okazis interesa



lingva simpozio, kie prelegis Orlando Raolo, Duncan Chartres kaj Sabine Fiedler, Juan Ramon Rodriguez kaj kelkaj profesoroj de



kubaj universitatoj. La laborlingvo ĉefe estis la hispana lingvo, do bona ekzerco por mi. La simpozio estis planita por kubaj lingvistoj ne-esperantistoj. Ĝi okazis por la unua fojo kaj celis transdoni sciencan bildon pri la fenomeno Esperanto. Tiu tago gravis por la Esperanto-movado en Kubo!
La kubanoj el la diversaj kluboj povis partopreni al la 16a AMO de UEA. Ili parolis pri 5 diversaj temoj. Por la alilandanoj estis ekskurso al la bela parto Vinales, kun la montoj, grotoj kaj la tabakfabrikoj. Ni tranoktis denove en privataj domoj, sed feliĉe ni matenmanĝis kune. La tablo estis bone prizorgata: freŝaj fruktoj el la ĝardeno, ĵus bakita kokoskuko (farita de najbarino), freŝaj fruktsukoj, bakita ovo, memfarita marmelado (far de filino). Ni sidis ekstere en la ĝardeno!

Ni revenis al Havano kaj ĉeestis la interkonan vesperon de la nacia kongreso. Hans kaj mi estis la du nederlandanoj kaj kune estis prezentitaj al la kuba publiko. Belan floron mi ricevis. Ĉeestis granda grupo de usonanoj sub gvido de Orlando Raola. Estis la unua fojo, ke iom granda grupo el Usono ĉeestis Esperanto-kunvenon en Kubo.

Dum la kongreso okazis pluraj prelegoj, forumoj kaj diskutoj. Multaj kubanoj ekparolis kun mi. Unu konis nur kelkajn vortojn (do, mi daŭrigis en la hispana lingvo!), alia bonege parolis! Mi ĉeestis unu el la paroligaj kursoj! Estis agrable paroli kun kelkaj komencantoj. Dum la malfermo mi salutis la kongresanoj nome de Esperanto Nederland. Post la fino ni kune iris al la Malocón, tio estas la bulavardo kie ni sidis kaj trinkis rumon kune! Ĝi estas la renkontiĝejo de junuloj dum la vesperoj kaj noktoj! Ili kune aĉetis botelon de rumo, ĉar vizito al kafejo kostas tro da mono!

La adiaŭa festo estis tre agrabla! Muziko de Geomar kaj Jany kaj




poste muziko por danci! Mi ne povis ne iri al la dancado, kvankam mi kutime ne estas tiel dancema. Sed multaj deziris danci kun mi kaj do, ne estas facile diri ne! Post la festo mi decidis iri al mia ĉambro, ĉar Marko iris en la sama direkto. Mi opiniis ke tio estas pli saĝa kaj sekura, sed tio ne estas prava. Ĝuste en tiu vespero iu aĉulo ŝtelis mian fotilon. Li ŝiris ĝin de mia ŝultro, restis nur la ŝnuro. Marko postkuris tiun aĉulon, sed vane. La aparato mem ne tiel multe gravis, sed la fotoj kiujn mi faris ………….. Poste mi aĉetis novan fotilon, facila elekto: unu butiko en tiu urbeto, unu ilo havebla! Do, mi aĉetis tiun ĉi!

Post la kongreso mi (kaj kelkaj



aliaj) faris 7-tagan ekskurson al la urboj Sankta Clara, Remedios, Sancta Spiritus, Trinidad kaj Cienfuegos. Belaj urboj, bela cirkauaĵo, bonaj tranoktejoj.

En Sancta Spiritus atendis nin Norberto. Mi jam konatiĝis kun Norberto, kiu antaŭ 6 jaroj faris vojaĝon tra Eŭropo kun lia tiama edzino Yoandra. Li gvidis nin tra la centro de la urbo. La aliaj daŭrigis la vojaĝon al Trinidad, sed mi restis dum 2 noktoj en Sancta Spiritus. Per bicikla taksio mi iris kun Norberto al la hejmo de Yoandra (iom ekster la centro). Estis tre agrable revidi ŝin post tiom da jaroj kaj konatiĝi kun la infanoj Carlos Ernesto kaj Hailong. Ankaŭ ŝia edzo Darien ĉeestis. Ili loĝas en la eta hejmo de la (bo)patro. Mi povis dormi ĉe najbarino Niurka, kiu havis iom pli grandan domon kun malpli da homoj. Yoandra preparis por mi la manĝaĵojn, kiuj estis pli simplaj ol tiuj de la restoracioj! Legomoj kaj viando estis ne facile haveblaj. Rizon kaj spagetojn mi manĝis ĉiun tagon. Pluraj manĝaĵoj estas haveblaj nur, se vi montras vian ‘manĝkuponojn’, ekz por oleo, lakto (nur por infanoj), rizo.

Sed la etoso esti agrabla kaj la infanoj demandis ĉe la foriro: Kiam vi revenos? Matene mi devis frue esti en la autobusstacio, de kie la aŭtobuso devus forveturi je la 6.00 h matene. Feliĉe Yoandro trovis amikon, kiu havis aŭton kaj kiu estis preta veturigi min. Malnova aŭto, odoro de benzino, sen sekurzonoj, multe da bruo, sed ni bone alvenis! Per aŭtobuso mi vojaĝis mem al Trinidad, kie Alberto min jam atendis! Per bicikla taksio ni iris al la ejo, kie la matenmanĝo jam estis preta; ni multe rakontis pri miaj spertoj al la aliaj esperantistoj! Ni restis en Trinidad kaj poste vojaĝis al Cienfuegos. La plaĝo estis agrabla, la temperaturo de la akvo estis bonega! La trinkaĵo ‘mojito’ estis bongusta! Bona feria loko, sed mi estas ĝoja, ke mi ankaŭ vidis aliajn partojn de la insulo!

Post la reveno al Havano mi ankoraŭ restis tri tagojn. Denove mi estis en unu el la privataj domoj, kiuj estas proksimaj de la oficejo. Feliĉe mi trovis ankaŭ etan parkon kun ‘butikcentro’, kie mi povis uzi mian telefonon por sendi mesaĝojn al Nederlando! Vifio estas nur havebla en kelkaj lokoj en Havano. Tie oni tiam vidas multajn gejunulojn, kiuj retmesaĝas! Ĝi estas tamen iom kosta, 5 horoj por uzi interreton kostas € 10,--. Ne tiom por mi, sed por Kubano estas multe. Hejme preskaŭ neniu havas interretkonekton. Daŭre estis tre varme en Havano, do mi ne emis tro multe promeni. Feliĉe estis en la oficejo pluraj esperantistoj, kun kiuj mi iom povis babili. Aŭ ekzerci la hispanan lingvon! Kaj ilia kafo estas bongusta!

Mi vere ŝatis mian restadon en tiu lando kaj admiris la kubanojn, kiuj kun malmultaj rimedoj vivas tie. Mankas tiom da aferoj. Mi parolis pri niaj broŝuroj pri Esperanto. Alberto respondis ke ili ne povas facile presi ion. Mankas papero. Mi miras, ke ili sukcesis dufoje aranĝi Universalan Kongreson! Mi ja scias, kiom da laboro tio estas!



Se vi ŝatas lerni la hispanan lingvon en Kubo, iru al la instituto, kiu estas en la sama konstruaĵo de la Kuba Esperanto Asocio. Pluraj instruistoj pri la hispana lingvo estas Esperantistoj! Ili prizorgas specialan programon: unue lerni la lingvon kaj poste fari vojaĝon tra Kubo ekzercante la hispanan lingvon! Sed atentu: dum la lecionoj ili certe nur parolas la hispanan lingvon!
http://www.sampere.com/learn-spanish/spanish-courses-cuba.html
Mi havis agrablajn semajnojn! Iru al Kubo!

Ineke Emmelkamp



# RECENZOJ

1] En 2014 aperis private eldonita **Hungaraj noveloj** kompilita kaj tradukita de Johano Petik (ISBN 978-963-08-8711-3); tridek naŭ rakontoj de tridek aŭtoroj, kiuj vivis inter la 16-a jarcento kaj mil naŭcent sepdek kvin.
Per la rakontoj eblas havi skizan bildon pri la socia vivo en la lastaj jarcentoj en Hungario, komenctempe multe pli granda ol nun. Ekzemple en *la diablo de la vilaĝo* de Nagy Ignác, la sinjoro de la vilaĝo postulas sian rajton je juna knabino, povas sendi ŝian fiancon en la armeon, indikante, ke li ne kontraŭstaros se la armeestro decidos pendigi la junulon.
La unuaj noveloj memorigas malnovstilajn amrakontojn aŭ partiturojn de operoj: ruza forkonduko de amatino post alproprigo de la mono de ŝia avara prizorganto, amo inter orfino kaj filo de ŝia prizorganto, atako de germanaj militistoj, kiuj murdas aŭ ekzekutas hungarajn nobelulojn.
Postaj rakontoj efikas pli "nuntempecaj", i.a. pri knabo, kiu post vizito al la avo sin trovas inter rusaj soldatoj, kiuj protektas lin ĝis lia maltrankviliĝanta patrino trovas lin, kaj la humorplena historio de soldato, kiu kelkfoje sukcesas tiel ĝeni superulojn, ke ili devas transiri al alia taĉmento.
Enestas kelkaj preseraroj kaj mistradukoj, kio montras, kiel necese estas kunlaboro kun spertulo pri finredaktado. Sed tio ne ĝenas la plezuron, legi la tutan libron.

Anneke Schouten-Buijs

2] En 2015 MSD Brno eldonis **Metamorfozoj** de *Věra Nosková* en la traduko de Jan Werner kaj *Věra Muchnová* ISBN 978-7392-245-0
La traduko estas dediĉita al Marie Zýková, kiu mortis en 2009, 79-jara. Ŝia bofilino sendis ekzempleron al mi, ĉar ni estis plumamikinoj kaj kun mia edzo mi kelkfoje gastis en ŝia hejmo.
S-ino Muchnová skribas en *Epilogo de la tradukinto*, ke en la jaroj 2005 – 2008 ŝi iniciatis kaj gvidis kulturan kal edukan programon por esperantistoj nomitan *Esperantologia kaj Literatura Forumo*, ELFO. En la lingva sekcio ŝi gvidis rondeton de tradukemaj membroj, inter kiuj tre aktive partoprenis Marie Zýková.
La *Epilogo* priskribas tradukajn problemojn pro multeco de slangaj, popolaj kaj lokaj idiomaĵoj kaj la varia stilo, kiu reflektas diversajn mediojn.
La romano sekvas la vivon de juna virino, Aneta, de kelkaj jaroj antaŭ ĝis kelkaj jaroj post novembro 1989, kiam okazis la "velura revolucio".
En la unua duono de la romano Aneta estas timema, serĉanta subtenon, en la dua ŝi fariĝas decidema, senigas sin de la drinkema edzo, trovas multe pli agrablan laboron kaj alian loĝlokon. Multaj homoj ludas kromrolon en la romano: la direktorino de la internulejo por studentinoj, la ŝtelema ĉefino, klaĉema purigistino, kunloĝantoj de la multetaĝa domo, inter ili viro, kiu same kiel Aneta ŝatas fotografi, kelkaj ciganaj familioj. Kaj poste kolegoj en la redakcio de ĵurnalo, kie si fariĝis fotografistino. Entute tre interesa bildo de la rapide ŝanĝiĝanta urba socio.
Kun granda intereso mi legis kaj ĝuis la libron, foje mirante pri al mi novaj vortoj. Enestas nur kelkaj preseraroj kaj la nekonataj vortoj kaj nekutimaj literumadoj estas klarigitaj en la *Epilogo* per kelkaj *leksikaj glosoj*, kiuj interesos aliajn tradukantojn.

Anneke Schouten-Buijs

En Heerlen ĉe KKPS oni eĉ preparis bieron! (foto de Korine Cheizoo)





# INVITOJ

1] **Panorama Mesdag in Den Haag**
*Wist je dat er in dit museum voor de rondleiding een Esperanto-tekst beschikbaar is. Vraag er naar bij de kassa! Katalin Kovats heeft voor deze tekst gezorgd.* http://demesdagcollectie.nl/
Ĉu vi scias ke en la Muzeo Mesdag en Hago aŭdeblas ankaŭ esperantlinga ĉiĉeronteksto en la kupolo? Kiam vi vizitas ĝin, nepre petu ĉe la kaso, ke oni lanĉu la teskton ankaŭ en Esperanto. Katalin Kovats prizorgis ĝin. http://demesdagcollectie.nl/

2] **Librolegado en agrabla kaj hejmeca etoso** ĉe Gerrit Berveling & Madzy van der Kooij: post mallonga interrompo jen denove: **la 23an de januaro, 11.00 h.–14.00 h**.; se vi volas partopreni, sciigu tion anticipe, rete per gerritberveling@ziggo.nl aŭ telefone 070-213 49 14. Ni planas ĉi-foje ellegi la aŭtobiografion de Madzy, kiu pastintfoje montriĝis doni sufiĉe da diskuttemoj: **Kaj jen mi!** Sufiĉe da ekzempleroj ĉeestas. Tagmeze – paŭzo por simpla panmanĝeto kun kafo aŭ teo. Adreso: Van Vredenburchweg 435, 2284 TA Rijswijk.

3] Het **volgende Studieweekeinde** (op 30 en 31 okt, 1 nov 2015) zal zijn in het Natuurvriendenhuis Den Broam / Alsteedseweg 73 / 7481 RT Buurse / (nabij Enschede) **Zie verder op de website studosemajnfino@esperanto-nederland.nl**

4] En la nova jaro **NGGE okazigos sian jarkunvenon jam la 26-an de marto**. Ne estas sekreto, ke la estraro urĝe bezonas plifortigon: bv. pripensi kiel eblas kontribui al nia instrua fako, kiu ne dependu de du jam tre okupitaj kapoj.
Jam kadre de Esperanto Nederland ni ricevis la **kunlaboron de nia eminenta pedagogo Katalin Kovats al informa kunveno por instruemuloj.** Kiu interesiĝas, bv anonci sin ĉe la estraro de Esperanto Nederland. Ĝuste nun, pro la sukceso de retkursoj kiel Duolingo, pliaj konversaciaj rondoj por komencintoj estos esencaj. Do orientiĝu helpe de Katalin Kovats!
Por la kluboj ni rekomendas atenti la freŝdatajn 17 celojn de UN por daŭripova evoluo. Vidu p. 230 en la novembra numero de "Esperanto".
Se vi ne jam notis la rekomendojn de Humphrey Tonkin en la Malferma Tago de la Centra Oficejo, NGGE volonte helpos pri la plej konvenaj eroj, kiuj apartenu al nia temaro. Kaj por la ceteraj, kial ni ne persone kunlaboru en aŭ almenaŭ kun la diversaj specifaj organizaĵoj kiel 'Milieudefensie' kaj aliaj naturkaj best-protektaj organizaĵoj, al kiuj apartenas ankaŭ la vegetarana?
Tre konkrete: la 49a ILEI-konferenco en Nyiregyháza, Hungario, volas engaĝi ĝuste ankaŭ instruistojn en parto de nia kontinento, kiu ekonomie ne prosperas kaj devas sorbi lavangon da rifuĝintoj. La ŝanco partopreni relative proksiman konferencon por multaj dependas de nia donacemo. Samkiel por la UK en Nitra (!), ni solidaru kun niaj kolegoj en la sud-orienta Eŭropo. ILEI havas sian 'koleghelpan kason', por kiu taŭgas la UEA-konto ilek-a de ILEI. La kasisto troviĝas en Usono: la tre sperta William Harris.
Fine NGGE deziras al ĉiuj multan energion kaj vivoĝuon en la nuna jaro!

Rob Moerbeek

# NEKROLOGO

S-ino F.J. Pieterson-Kruger mortis je la 2a de novembro 2015 .
Jaŭde la 5a de novembro estis la kremacio en Zutphen. Mi iris tien, ĉar S-ino Corrie Zondervan kaj S-ino Carla van den Bos ne povis ĉeesti la kremacion je la 16a horo en De Omarming, Voorsterallee 95, 7203 DN Zutphen. Ĉeestis 20 personoj.
Fenna Pieterson fariĝis 95 jara. Ŝi naskiĝis en Assen je la 18a de aprilo 1920.
Fenna estis membrino de Nederlanda Esperanto Asocio ek de 1973. Ŝi fariĝis membrino de la klubo en Deventer, ĉar ŝi loĝis en Gorssel. Ofte la kunvenoj estis ĉe ŝi kaj ankaŭ mi fariĝis membrino de la klubo de Deventer. Pro tio mi konas ŝin.
En Zutphen mi parolis kun la familio pri Esperanto. Ili ĝojis ke mi povis veni al Zutphen. Kiam mi adiaŭis la familion kaj konatulojn, ili petis al mi, kiamaniere oni diras "Tot ziens en Esperanto" Mi tuj diris al ili Ĝis Revido. Ili ripetis kelkfoje "Ĝis Revido" al mi.
Fenna ofte faris volontulan laboron en Gorssel. Kompreneble mi bedaŭras, ke ŝi mortis.
Bedaŭrinde mi ne plu posedis foton pri S-ino Fenna Pieterson.

Gerda Dercks el Almelo.
Piet Schuil

# Ajlan

Marianne Pierquin (Francio)
Said Baluĉi (Irano/Nederlando)



**Ajlan estis nur trijara. Dum iu tago kiam li ludis per sia pupeto "Dusti" vidis lin viro kovrita en tute nigra vestaĵo en kies dekstra mano estis pafilo kaj en la maldekstra mano flago nigra. La viro kriegis: "La kurdoj ne rajtas ludi kun Dusti, donu ĝin al mi" kaj perforte kaptis Dusti. Ajlan plorante kuris al sia patrino kaj demandis ŝin:**

**-Panjo, kial mi estas kurdo? Kion signifas ĝi? Kial mi ne rajtas ludi kun Dusti?**
**Rejhane, la patrino, ne povis respondi ĉar alia nigre vestita viro estis ĉe ŝi.**
**Ajlan kuris al sia pli aĝa frato Qaleb:**
**-Fraĉjo, mi volas havi mian Dusti...**
**Sed la fraĉjo ne povis helpi. Ĉe li estis alia nigravestulo. Ajlan, kiel kutime, fermis siajn okulojn kaj flugis al sia patro Abdollah:**
**-Paĉjo, mi volas havi Dusti, mian pupeton. Oni forprenis ĝin. Nigravestulo batas lin. Savu lin, mi petas...**
**Abdollah estis en frontoj de Kubani. Li ne povis helpi. Ajlan fermis siajn okulojn kaj flugis al najbaroj. Iliaj urboj estis sekaj kaj neverdaj . Neniu helpis. Ajlan fermis siajn okulojn kaj flugis al la sankta muro por peti diojn malantaŭ la muro. Neniu dio helpis lin. Ajlan decidis transflugi la marojn. Estis danĝera vojaĝo ĉar ĉifoje ne eblis reveni. Tamen li faris tion. Li estis kuraĝa. Li ne timis longan vojaĝon. La urboj estis verdaj. La homoj ne havis nigrajn vestojn. Ajlan petis de homoj pri sia Dusti. Ili promesis al Ajlan redoni al li lian Dusti sed kondiĉe ke li lasus ĝin al la homaro. Ajlan devis iri al la paradizo sen Dusti. Ajlan estis kuraĝa kaj akceptis la kondiĉon. Morgaŭ matene ĉiuj komunikiloj de nia Terglobo skribis, filme montris, radie elsendis kaj interrete disdonis la novaĵon: Ajlan iris al la paradizo kaj lasis sian Dusti al la homaro. Por rekompensi lian kuraĝon Eŭropa decidis akcepti 200.000**

**info@esperanto-info.nl**

**FENIKSO**
21a jarkolekto, n-ro 1
januaro-februaro 2016
*Eventueel retouradres:*
Esperanto Nederland
Gerrit Berveling
Van Vredenburchtweg 435
2284 TA Rijswijk

PostNL
Port betaald
Port payé
Pays-Bas